PENSEO

N-ro 107

Sept./2000

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990;Enretigita en 1997 www.crosswinds.net/~zfmao/penseo

# VORTOJ DE NOVA REDAKTORO

Karaj legantoj:

Por movigi la movadon de nia revueto, la tasko ĝin redakti estas transdonita al mi. Kiel ĉina popoldiro legiĝas, mia laboro estos nur "peco da hunda felo kudrita sur la vesto el mustela felo". Tamen mi tre volas penadi kaj penadi por daŭrigi la seninterrompan eldonadon kaj konservi la originalecon de la revueto. Por mi la plej valoraj estas viaj opinioj kaj kritikoj. Mi atendu vian juĝon.

Vejdo



## ☼Mikronovelo☼

### Eksedziĝo

Ai Ja

Finfine, ŝi kaj li eksedziĝis.

Sed li povis nek akcepti la suferon ronĝantan lian koron nek alkutimiĝi al la vivo sen ŝi. De tempo al tempo li eĉ, kunpremante siajn pugnojn, mallaŭte vokis ŝian nomon tra liaj grincigitaj dentoj. Foje, refoje kaj refoje!

Kiam eksonoris la telefono, li fiksrigardis la plafonon en stuporo, sincere sopirante al ŝi, tiel ke li eĉ ne povis eligi vortojn pro surpriziĝo, kiam ŝia voĉo sonis ĉe la alia ekstremo. Pri tio, estis ne mirige, ĉar ili ambaŭ neniam kontaktiĝis pli ol du monatojn ekde sia eksedziĝo.

"Kial vi ne parolas? Mi demandas al vi kiel bone vi manĝis lastatempe kaj kiel bone vi dormis."

Kiel mi povis bone manĝi kaj dormi? Tamen li respondis jes! Ho ve, li pensis, ŝi ankoraŭ tenis lin en ŝia menso!

"Kiu lavas viajn vestaĵojn, mia kara?"

Li ĵetis rigardon al la pelvo da malordigitaj vestaĵoj en la banĉambro. Kaj li respondis, ke li mem lavas, sed granda ĝojo tumultis enkore. Ŝi vokis min per "mia kara", li pensis. Dum kverelado, ŝi senescepte kriis mian plenan nomon krude. Li larmis pro tio!

"Hodiaŭ mi telefonas al vi post… post multtaga hezita pripenso. Kaj mi… mi… mi min vere sentas honta por telefoni al vi. Mi ne havas kuraĝon por paroi al vi."

Liaj larmoj elfluis. Komence, kiel decideme kaj obstine ŝi laŭiris la proceson de divorco, kaj nun, ĉu ŝi pentas pri tio? Kun sia vizaĝo pozita oblikve, li forviŝis siajn larmerojn kaj nazmukaĵon sur la ŝultron. Li pripensis, ĉu li devas fari kelkajn ĉikanetojn antaŭ ol akcepti ŝian pentadon?

Ŝajnis, ke ŝi cerbumas longan tempon. Fine ŝi vokis "mia kara" kaj balbutis, "Kiam ni… ni disiĝis, ĉu mi ne apartenigis al vi la germanan orumitan florvazon? Mi… vi… vi scias, ke mi ĉiam ĝin ŝatas. Vere, mi vere ne volas lasi ĝin. Mi pensas… mi pensas, ke mi interŝanĝos ĝin per la de vi tre ŝatataj ekzota horloĝo kun ruĝa kadro kaj tablolampo kun pufa konka kovrilo, ĉu bone? Mi interŝanĝos la florvazon per tiuj ambaŭ aĵoj, ĉu bone? Ĉu

bone… ĉu bone… mia kara?”
Ĉu bone?
Ĉu bone?



(el la ĉina: Hongjia)

EL 《LAŬZI》

## ĈAPITRO I

La Taŭo esprimeble ne estas la Taŭro eterna.
La nomo donebla ne estas la nomo adekvata.
La neekzisto estas la origino de la Ĉielo kaj la Tero.
La ekzisto estas la patrino de la miriadoj da estaĵoj.
Tial, la esenco de la Taŭo estas ĉiam Komprenata per sia senformeco,
Kaj la manifestiĝoj de la Taŭo estas ĉiam perceptataj per sia formo.
Tiuj ĉi du havas la saman originon kaj malsamajn nomojn.
Ili ambaŭ povas esti nomataj misteraj,
La plej misteraj el la misteraj, la pordo el ĉiuj mirindaĵoj.

## ĈAPITRO II

Kiam la mondo scias, ke la belo estas bela,
Tiam aperas la malbelo;
Kiam la mondo scias, ke la bono estas bona,
Tiam aperas la malbono.
Tial la io kaj la nenio interdependas en estiĝo,
La facileco kaj la malfacileco interdependas en sinkompletigo.
La longo kaj la mallongo interdependas en kontrasto,
La alto kaj la malalto interdependas en pozicio,
La sono kaj la voĉo interdependas en harmonio,
La antaŭo kaj la malantaŭo interdependas en sinsekvo.
Jen kial la Saĝulo traktas aferojn per “senagado”,
Kaj instruas per sia silento.
Li lasas ĉiujn estaĵojn mem kreski sen ilin ekestigi,
Nutras ilin sen pretendi esti ilia posedanto,
Akcelas ilin sen atribui al si la kontribuon.
Plenuminte ĉion ĉi tion, li vekas nenies atenton al siaj faraĵoj,
Kaj ĝuste ĉar Li vekas nenies atenton al siaj faraĵoj,
Liaj laboroj ne estos perditaj.

## ĈAPITRO III

Ne honoru la kapablulojn, por ke la popolo ne konkuru inter si.
Ne valorigu la rarajn varojn, por ke la popolo ne faru ŝteladon.
Ne elmontru la dezirindaĵojn, por ke la mensoj ne estu konfuzitaj
Tial la Saĝulo regas
Per la simpligo de la mensoj de siaj regatoj,
Per la plenigo de iliaj stomakoj,
Per la malfortigo de iliaj ambicioj,
Per la fortikigo de iliaj ostoj,
Kaj ĉiam tenas ilin en senscieco kaj sendezireco,
Por ke tiuj, kiuj opinias sin inteligentaj, ne kuraĝu agaĉi.
Trajkante aferojn per “senagado”,
Ĉiu ja povas meti ĉion en ordon.

Trad. Wang Chongfang

# PAĜO POR NOVICOJ

### LA MINISTO DE UNUA GENERACIO EN NOVA ĈINIO



Semio

Kiam mia avo mortis de malsano, mia patro estis 12-jara kiel la plej aĝa el kvar filoj de la Avo. Tiam mia familio posedis 38 muojn da kampoj. Post la morto de la avo la kampoj estis ne kulturitaj pro tio, ke la kvar filoj estis tro junaj. Por vivteni ili nur pruntis manĝaĵon de sia onklo kaj poste redonis la kampojn al sia onklo anstataŭ trioblo da manĝaĵo. Sen kampoj ili lombardis la domon por aĉeti manĝaĵon. Finfine la avino kaj ŝiaj kvar malfeliĉaj filoj suriris longan malfacilan vojon de almozado. Kiam ili forlasis sian karan hejmvilaĝon kun larmoj, la avino diris al ili, "Se nur mi povas vivi plue, mi certe vivigos vin." Retrorigardinte al sia vilaĝo, ili, kun larmoj en la okuloj, foriris almozi de loko al loko.

Mia patro estas zorgema pri siaj fratoj kaj li preferis porti la ŝarĝojn ol almozi ĉe pordoj de riĉuloj. Iufoje iu onklo estis mordita de hundo de riĉulo. La patro tre malĝojis pri tio kaj li decidis soldatiĝi en Guomindango-Armeo por sako da sorgoj. Plorante la avino restigis la patron. La onklo mordita de hundo ankaŭ diris al mia patro, "Frato, ne soldatiĝu! Ne iru! mi ne plu timas hundojn." Sed vane. Mia patro decideme iris al armeo. Sekvantan tagon li ŝtele foriris el la armeo kaj en sama nokto ili kuris al sia hejmoloko. Tamen onkloj de mia patro kaj parencoj iliaj ne akceptis malriĉajn almozulojn. Senrimede ili pasigis Printempan Feston en ŝtona domo sur la monto. Vintra vento kun neĝo kaj iliaj larmoj akompanis ilin ĝis tagiĝo. De tiam avino perdis okulon pro plorado. En sekva tago de Pritempa Festo ili vole ne vole almozis de hejmo al hejmo. Oni ne sciis, kien iris avino kun unu okulo kaj kvar malsatataj filoj .

Post la liberiĝo de nova Ĉinio ili revenis al sia sopirata hejmoloko kaj fariĝis mastroj de la ŝtato. La dua pli juna onklo estis elektita kiel vilaĝestro. La registaro certigis, ke nia familio apartenas al la klaso de malriĉaj kamparanoj. Poste mia patro fariĝis ministo de unua generacio de nova Ĉinio.

En laborado mia patro ĵetis sian grandan energion kaj sindonecon. En lia koro ĉiam vagis la malfeliĉo kaj malfacilo de malnova Ĉinio. Li laboris kaj laboregis por danki nian Partion. Li ofte laboris kelkajn tagojn kaj noktojn sinsekve en la puto. Iufoje la ŝakto estis plena de akvo, mia patro laboris sep tagojn kaj noktojn en la akvo por pumpi la akvon, kaj fine la ŝakto estis savita kaj protektita, tamen mia patro malsaniĝis, ke li suferis de krura edemo ĝis lia forpaso. Emeritita la patro klopodis ankoraŭ por la minejo kaj li kunvenigis multajn emeritojn kaj senlaborajn edzinojn de ministoj por gardi la karbo-minejon. Ju pli pluvas, des pli ili laboras. Mia patro kaj tiuj senpagaj gardantoj ĉiam iris tien kaj ĉi-tien en pluvo.

Kiam mi estis dekok-jara mi havis gloron fariĝi la ministo. En unua tago, kiam mi enŝaktiĝis, mia patro akompanis min ĝis ŝaktofaŭko kaj donis al mi multajn konsilojn. Kun timo kaj fremda sento mi iris en minejan laboron. Kvankam la patro forpasis multajn jarojn, tamen lia spirito de la ministo ĉiam kuraĝigas min kiel veran esperantiston.



## ĈINAJ MODERNAJ POEMOJ

Ai Qing

### Arboj



ĉi arb' kaj tiu arbo
izole staras unu de alia
aer' kaj vento
distancon inter ili juĝas

sed sub la tera kovro
radikoj arbaj sin etendas
ĝis la profundo nevidebla
kaj implikiĝas unu kun alia
******************

&& && && &&

Gu Cheng

**Reveno**

ne endormiĝu, jen ne
la vojo estas longa, kara
ne proksimiĝu al la tento de arbaro
ne perdu la esperon

bonvole per neĝakvo frida
adreson skribu sur la manon
aŭ apogante mian ŝultron
pasigu matendaŭron svagan

la ŝtormon diafanan levu
por ke ni atingu hejmlokon
kun ronda tero verda
kuŝanta apud pagodo antikva

mi tie
gardados vian lacan sonĝon
forpelos gregojn da mallumaj noktoj
restigos kaj tamburojn bronzajn kaj la sunon

ĉe aliflanko de la pagodo antikva
multmulte da marondoj etaj
sur sablan bordon rampas ŝtele
la trilajn sonojn kolektante…

(el la ĉina: ST)



# ĈINA FABLO

*La Vojaĝo de Azeno*

Zhan Lu

Azeno invitas Hundon por vojaĝi kune, kaj tiu konsentas. Hundo demandas, "Kien ni vojaĝos?"

Azeno respondas, "Vojaĝo estas vojaĝo. Kial vi demandis kien ni iros?"

"Sed," diras Hundo, "ni devas difini nian celon, ĉu ne?"

"Pro kio ni devas havigi al ni la celon?" demandas Azeno.

"La kialo estas," Hundo respondas, "ke se ni havas la celon, ni povas skizi planon kaj fari kelkajn preparajn laborojn."

"Neniam mi konsideras tion!" Azeno diras, "Kiam mi tiras muelilon, kun miaj okuloj kovritaj, mi iras laŭvole."

Hundo klarigas, "Vojaĝo difenrencas de via rondirado ĉirkaŭ la muelilo! Kion ajn ni faras, ĉu lerni ĉu labori ĉu vivi, se ni ne starigas al ni celon, ni faraĉi blinde kaj ni rikoltos amarecon!"

"Ve!" Skuante sian kapon, Azeno diris, " Kiu volas pripensi damnitajn celon kaj planon! Ne estu tiel skrupula! Faru tion senzorge!"



Ankaŭ skuante sian kapon, Hundo refutas, "Mi pensis, ke viaj okuloj estas ĉiam kovritaj dum laboro, kaj nun mi komprenas, ke ankaŭ via cerbo estas sigelita!"

(elĉinigis Dura)

* * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * *

Eldonas Guangdong-a Esperanto-Asocio
Adreso: s-ano Peng Zhengming
Fujiaopo.Meiyuan Xiaoqu 301-3-2,
Hubei,WUHAN, 430070 Ĉinio
Tel: (027)87276112(hejme)
E-poŝto: dedhea@public.wh.hb.cn
POŜT-KUPONOJ ESTAS BONVENAJ!
…………..
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Shantou
Universitato,Guangdong515063, Ĉinio
Tel: (0754) 2903012 (hejme)
E-poŝto: wyd168@21cn.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

******************************